# AktivAmeriko

http://www.geocities.com/espameriko




Novaĵletero - **N-ro 4**, Junio/2000


## AL ESPERANTISTOJ EN HISPANLINGVAJ LANDOJ

**Juan Eduardo Bachrich** (Caracas, Venezuelo)

En pli ol dekduo de hispanparolantaj landoj ekzistas E-asocioj, sed la plejmulto el ili estas malfortaj kaj sen efika ekstera helpo. Ĉar niaj problemoj instrui, disvastigi, reklami kaj konsciigi la vastan publikon ĝenerale kaj la kulturaj kaj politikaj instancoj specife similas, ni ĉiuj povus multe profiti de interkomunikado kaj kunlaboro, kiu dum la lastaj jardekoj mankas.

Ni povas profiti de la samaj lerniloj, ni povas uzi la samajn (aŭ preskaŭ samajn) artikolojn en ĵurnaloj aŭ revuoj, uzi reklamideojn kaj materialojn, ni povas interŝanĝi spertojn pri efikaj kontaktoj kun registaraj aŭ privataj instancoj, pri rilatoj kun Unesko-komisionoj, kun lingvoinstruistoj ktp.

La hispanparolantaj instruistoj kaj lernantoj de la Lingvo Internacia verŝajne havas la samajn problemojn ĉiulande kaj ĉiuj povus profiti de la spertoj kaj ideoj de la aliaj. Eble ni povus havi ILEI-sekciaron de hispanlingvaj E-instruistoj. Eble eĉ komunan paperan aŭ retan revueton!

Estas grave ke ni kunvenu, persone aŭ rete, ke ni diskutu kaj interŝanĝu opiniojn, spertojn, reklamilojn ktp. La plej taŭga loko por persona opiniinterŝanĝo ŝajnas la UK kaj TAKE. La kunvenoj povas esti neformalaj, sed estas preferinde ke ili estu programitaj kiel oficiala parto de la kongreso, lasante sufiĉe da tempo al la respondeculoj de LA por pridiskuti la tutan vastan temaron kaj la multajn fruktodonajn eblecojn.

Estas rekomendinde ke la ĉeestantoj en tiuj kunvenoj venu sciante pri kio ni traktos kaj pridiskutu antaŭe la ideojn kun siaj samlandanoj, alportante ankaŭ tiujn ideojn al la renkontiĝo. Plie, ili devus alporti siajn reklamilojn, lernilojn, revuojn ktp. Mi do proponas, ke:

1. en ĉiu kongreso, estu programita renkontiĝo de reprezentantoj de la hispanparolantaj LA;
2. ni alportu kaj la lernomaterialojn kaj la reklamilojn kiujn ni uzas, en sufiĉaj kvantoj por interŝanĝo;
3. La personoj kiuj respondecas pri eksteraj rilatoj (amaskomunikiloj, politikistoj, registaroj, Unesko, lingvoinstruistoj, edukaj instancoj kaj universitatoj, sindikatoj, mecenatoj ktp) ankaŭ ĉeestu, aŭ, se tio ne eblas, transdonu skribajn spertojn kaj konsilojn al la reprezentantoj de siaj landoj;
4. Tiuj materialoj, kiel ankaŭ la ĉefaj aspektoj de la eventualaj pridiskutoj kaj konkludoj, aperu en TTT-paĝoj, ĉi-maniere ĉiuj povos profiti de la ideoj kaj praktikaj spertoj de la aliaj.

*Prof-ro Bachrich estas ano de Komisiono por Ameriko*

***Karaj legantoj!***

*Kiam redaktanto ne havas spacon por siaj komentoj, tio signifas, ke la informoj multas, kaj do des pli ĝoja tiu fariĝas! Jen nur la bondeziro, ke vi havu agrablan sperton se vi ĉeestos la UK-n. Vizitu kaj partoprenu la tiuokazajn aranĝojn pri Amerika Agado!*

**La redaktanto**




## Meksikurbo, 15-21 Apr. 2001

**Kongresa temo:**

### Ameriko: unu kontinento, diversaj historioj

Tio ĉi ne nur estos eksterordinara okazo konatiĝi ĝisfunde kun la movado por la internacia lingvo, sed ankaŭ partopreni la debatojn, koni esperantistojn de aliaj landoj, interŝanĝi opiniojn kaj spertojn, do, sume, kunvivi en samideana etoso.

La kongresejo estos la 4-stela Hotelo Bamer en la urbocentro. Mexicana estas la oficiala flugkompanio de la kongreso. Inter la jam anoncitaj programeroj, troviĝas Cseh-metoda rapidkurso por komencantoj, sesio de la ILEI/UEA internaciaj ekzamenoj kaj kurseto pri la nauatl-a lingvo. Jam anoncis sin prelegontoj pri historiaj kaj kulturaj temoj, homaj rajtoj, sanigo, politiko, kaj indiĝenaj spiritaj instruoj. Bankedo kun muzikistoj okazos en la 15-a etaĝo de hotelo kun belega superrigardo de la urbo. Oni planas ankaŭ ekspozicion de infana arto el la tuta mondo.

La dumkongresaj ekskursoj en tiu lando kun eksterordinara kulturo estos al la Piramidoj de *Teotihuacan* kaj al la mondfamega Muzeo de Antropologio de *Meksikurbo*. Oni povos postkongrese ekskursi al *Oaxaca*, kie oni i.a. planas E-ekspozicion en la filatela muzeo. Poste oni vojaĝos al la marborda *Puerto Escondido*, kiu estas multe pli tipa kaj havas pli da natura ĉarmo ol Acapulco.

La kongresa kotizo (pagebla al UEA-konto **mefa-h**) estas USD 60 (us. dolaroj) ĝis la fino de la jaro kaj USD 80 poste. Adreso: Meksika E-Federacio Apartado Postal M-10576 - MX-06000 - Mexico, D.F. kaj retpoŝte tra **gelar@data.net.mx**. Aktualaĵoj kaj aliĝilo en la TTT-ejo de MEF: **http://www.punto-y-aparte.com/esperanto**.

# Revo realigita danke al Esperanto

*Post 10-jara aktiva partopreno en la movado, argentinano plene ĝuis la Internacian Lingvon dum 3 monatoj*

Kiam unuafoje mi aŭdis pri Esperanto, mi tute ne imagis pri la vera internacia ebleco, kiun tiuj mirindaj lingvo kaj movado povos konigi al mi. Paradokse en la jaro 1988 en Pitesti, Rumanio, mortis mia avo Petro kaj en tiu sama jaro mi eklernis Esperanton. Danke al ĝi mi vizitis lian tombon 10 jarojn poste.

Sed mia revo pri la utiligo de Esperanto kreskis per korespondado kun la tuta mondo kaj per aktiva partopreno en la argentina E-movado ĝis atingi la supron 1998. Tiam oni sciigis al mi, ke Fondaĵo Ameriko elektis min kaj helpus min veni al Eŭropo por esperantumi dum 3 monatoj. La ĝenerala programo enhavis tri gravajn erojn: 1) volontuli ĉe IEI kaj UEA en Nederlando; 2) partopreni la 84-an UK-on en Berlino kaj la 34-an ILEI-Konferencon en Karlovy Vary (Ĉeĥio); kaj 3) kiel aldonaĵo koni la patrujon de miaj geavoj, Rumanio. Tamen la tuta sperto disvolviĝis en 7 landoj: Nederlando, Germanio, Ĉeĥio, Aŭstrio, Hungario, Rumanio kaj Belgio.

**Ĉe la lando de muelejo kaj kanaloj** La 20-an de Junio estis griza tago kaj pluvis en Amsterdamo, sed en la flughavejo varme kaj ĝoje atendis min Atilio Rojas kaj plezure akompanis min al la sidejo de Internacia Esperanto-Instituto en Hago. Tie kelktempe mi kunlaboris kiel volontulo kaj eĉ profitis la okazon por viziti la klubon en Voorburg kaj prezentis la vidbendon  Argentinaj Bildoj  en tre agrabla etoso.

La 25-a estis mia unua tago en la CO de UEA. Dum 5 semajnoj mi plezure kunlaboris tie, en la plej monda E-institucio, kaj tiel eblis al mi koni pli profunde ĝian funkciadon. Tie mi plenumis diversajn taskojn ĉe la Libroservo, antaŭkongresajn laborojn ktp. kaj krome semajnfine mi iom konis la modernan urbon Rotterdam, danke al la ĝentila akompano de Franĉjo Veuthey kaj Clay Magalhães.

**Mia unua UK** Tre rapide alproksimiĝis la plej grava E-evento, la 84-a UK, kaj la projekto estis vojĝi al Berlino kaj ceteraj landoj de mia rondvojaĝo. Post diligenta planado, ĉio bonorde sukcesis.

Kompreneble la tutan disvolviĝon de UK ne eblas rakonti per mallonga raporto, tamen por mi ĝi estos ĉiam neforgesebla: la ĉeesto de proks. 3 mil esperantistoj el 66 landoj kaj saluti nome de Argentina E-Ligo; deĵori ĉe la Amerika Budo; persone koni plurajn leteramikojn, post 10 jaroj de leterumado; koni plurajn gravajn esperantistojn; partopreni la Komitatan kunsidon de UEA; aŭskulti dum la fermo pri la Trofeo Fyne aljuĝita de UEA al Argentina E-Ligo; kaj la ceteraj programeroj, kiujn mi sukcesis profiti malgraŭ la nesufiĉa tempo.

Sekvis al tiu impona kongreso la pli malgranda sed ne malpli grava 33-a ILEI-konferenco en Karlovy Vary, Ĉeĥio, kie kune kun E-instruistoj el la 5 kontinentoj oni esploris la diversajn aspektojn de la instruado. Poste, krom la tre bela pejzaĝo, la bongusta biero, la tradicia *becherovka* kaj la famaj varmaj akvobanejoj eblis al mi koni la ĉefurbon, Prago.

**Ĝis la Nigra Maro** Ekde nun la aranĝo okazis kiel persona afero, tamen tute ligita al Esperanto. Tra Vieno mi atingis Budapeŝton kaj restis 5 tagojn ĉe mia leteramiko Péter Denke. Li tre ĝentile veturigis min, la 15-an de Aŭgusto, al Veszprém por ĉeesti la lastan tagojn de la 55-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO. Tre interese estis, ke la programo inkluzivis lecionojn pri argentina tango-danco!

Al Brasov, Rumanio, mi alvenis por tuj partopreni la 10-an Jarkunvenon de Rumana E-Fervojista Asocio, invitita de Stefan Mihai kaj Porupca Sorin. Tiu sperto estis aparte speciala, ĉar ĝi estis mia unua kontakto kun la lando de miaj geavoj kaj estis vera emocio ĝie aŭdi la lingvon de mia familio. En la kunveno mi kontaktis kun Florea Popa, sekretariino de E-Asocio de Rumanio, mi raportis pri la situacio de fervojoj kaj de la movado en Argentino kaj mi ekskursis al Kastelo Bran (de Drakulo). La etoso estis vere amuza kaj neforgesebla.

Poste sekvis tre interesaj spertoj ĉe la Nigra Maro, danke al mia leteramikino (de 10 jaroj) Adina Moise kaj Elena Veliscu, de nun nova amikino. Revenante al la norda parto mi vizitis Cluj Napoca, Turda kaj Oradea. Tie agadas tre aktivaj esperantistoj, i.a. Zsolt Koloszvari, Julia Sigmond, Speranta-Eugenia Curaciu kaj Antal Farkas. Kaj je la fino de mia restado mi eĉ ĉeestis, kun akompano de mia amikino Adino (kiu helpis min kompreni la rumanan), geedziĝon de miaj parencoj, laŭ ortodoksa ceremonio, en Tulcea, urbo situanta ĉe la delto de Danubo. Bedaŭrinde la tempo estis limigita, ĉar la 10-an de Septembro mi devis viziti la E-klubon en Antverpeno (Belgio), do mi komencis la veturadon al Hago kaj en la interkonsentita dato mi prezentis en la fama *La Verda Stelo*.

**Kaj fine...** La tago de la reveno tre rapide alproksimiĝis kaj la 17-an de Septembro mia flugo transportis min denove al Argentino. Nun, ĉi-tie meze de amaso da memoraĵoj, pluraj libroj, revuoj kaj broŝuroj, aĉetitaj kaj donacitaj, fotografaĵoj, bildkartoj, diversaj muzikoj kaj tradiciaj manfaritaĵoj, mi klopodas ordigi ĉion por montri ilin al samideanoj, amikoj kaj familianoj, kiuj ĉiutage vizitas min por aŭskulti mian rakonton pri la **revo realigita danke al Esperanto**.

***Rubén Diaconu Tkachenco*** (Argentino)

## Unua E-objekto en Kostariko

Unuafoje oni inaŭguris en Kostariko (kaj, verŝajne, en Mezameriko) E-objekton. Temas pri bela marmora, 60 x 60-centimetra tabulo, sur kiu oni legas esperantlingve:

CARLOS GAGINI (1865-1925):
EMINENTA KOSTARIKA PIONIRO KIEL FILOLOGO KAJ KULTURISTO DE LINGVO INTERNACIA ESPERANTO.
MEMORIGANTE LA 75-AN DATREVENON DE LIA FORPASO: LA 31-AN DE MARTO 2000.
KOSTARIKA ESPERANTO-ASOCIO.

Carlos Gagini [*karlos gaĝini*] estis grava intelektulo, verkisto kaj filologo fine de la 19-a jarcento kaj komence de la 20-a jarcento. Instruisto dum sia tuta vivo, li ja meritis de siaj disĉiploj la titolon majstro. Jam delonge oni sciis pri lia intereso rilate E-on, kiun li elstudis kelkajn jarojn antaŭ sia forpaso. Nur en 1993, lokaj e-istoj Antonio Leoni de León kaj Shirley Barquero serĉante pri tio "malkovris" sinjorinon Ana I. Silva Vargas, proksima parenco de Gagini, kiu montris kaj pruntedonis al ili nepublikigitan manuskripton de sia praulo kun la hispanlingva titolo Cartilla Esperantista (62-paĝa broŝureto enhavanta gramatikon, ekzercaron kaj vortareton). Ambaŭ e-istoj tuj diskonigis tiun dokumenton per faka revuo de la Universitato de Kostariko.

La tabulon oni fiksis sur muro en lumplena vestiblo de la Fako pri Beletro de la Universitato de Kostariko, la pasintan 4-an de aprilo. La senvualigon efektivigis M. L. Enrique Margery, Dekano, kiun akompanis D-ro Adolfo Constenla, Direktoro de la Fako pri Lingvistiko, Filologio kaj Literaturo; Hon. Adam Komarowski, konsilisto de Pola Ambasadejo en Kostariko; Mag. Atilio Orellana Rojas, reprezentanto de UEA; Mag. Antonio Leoni de León, eksprezidanto de Kostarika Esperanto-Asocio (KREA) kaj TTT-estro de Indiĝenaj Dialogoj, kaj s-ino Ana I. Silva Vargas, reprezentanta la familion de la omaĝito. Gvidis la ceremonion Mag. Hugo Mora Poltronieri, nuna Vicprezidanto de KREA. Krom kelkaj profesoroj, ĉeestis multaj lokaj e-istoj, membroj de la familio de s-ro Gagini kaj studentoj.

Sendube tiu ĉi solenaĵo estas la frukto de longa aktivado kadre de la Universitato de Kostariko. Jam ekde 1991, Antonio Leoni mem fondis en ĝi klubeton kun la signifa nomo Universitata Esperanto-Klubo Carlos Gagini. En la sekvintaj jaroj, li enkondukis kaj gvidis kelkajn somerajn E-kursetojn; poste, ilin prenis Hugo Mora de 1996 ĝis nun, kiam en la Fako pri Filologio oni aprobis regulan, semestran kaj kreditan E-kurson. Tiun ĉi kurson oni oferos al studentoj kiel elekteblan kadre de la akademiaj programoj.

Espereble, tiu E-objekto ne estos sola longtempe sub mezamerikaj ĉieloj!

**Hugo Mora Poltronieri**

# AIS-filio en Meksiko

De la 13-a ĝis la 23-a de Aprilo okazis en la universitato de Celaya [selaja] inaŭgura kongreso de AIS Meksiko, registrita hispanlingve kiel "Academia Internacional de las Ciencias [RSM] - Filial México". Ĝin organizis la du estroj de AIS Meksiko, la psikologo Prof-ro D-ro Rubén Feldman González kaj la neŭrofiziologo D-ro Gustavo Vega Gama. La fondodokumenton subskribis 31 sciencistoj. Krom ĉ. 70 meksikaj kongresanoj, partoprenis el Eŭropo Prof-ro D-ro Helmar Frank, prezidanto de AIS, kaj Bak. Ana-Maria Pinter, Prof-ro Padmanabhan Krishna (Hindio) kaj Prof-ro Karl Pribram (Usono). La preleg-programo ampleksis ĉ. 30 preleghorojn kaj viglajn diskutojn. AIS Meksiko realigos jarmeze grupvojaĝon al Koreio kaj Ĉinio por kontakti tieajn AIS-anojn, precipe la iniciatgrupon de profesoro Lee, eksprezidanto de UEA, kiu preparas orientazian AIS-filion.

*(laŭ informoj de Reinhard Fössmeier, informofico de AIS)*

**Tuta kontinento atendas vian ĉeeston dum la 85-a Universala Kongreso de Esperanto!**

Partoprenu la kunvenon de Amerika Agado en Tel-Avivo, kiam oni prezentos la situacion de Esperanto en unuopaj landoj de la Amerika kontinento kaj ties komunajn esperantistajn projektojn en

**Ĵaŭdo**, la **27-a** de Julio, je **14:45**, Salono **Maschler**

Dum la Kongreso funkcios la jam tradicia **AMERIKA BUDO**. Vizitu ĝin kaj konatiĝu kun niaj agadoj, projektoj kaj aktivularo. Krom ricevi informojn, eblos ankaŭ akiri amerikajn tipajn suvenirojn kaj artaĵetojn kaj per tio kontribui al ***Fondaĵo Ameriko de UEA***.

### Donacoj al *FONDAĴO AMERIKO* de UEA

(sumoj en eŭroj registritaj ĝis la 29-a de februaro)

**Belgio**: F. Witdoeckt 100,00 **Brazilo**: J. Gonçalves de Lima 50,00; Cleber M. Lemos 100,00; R. Lemos 40,00; Luiz F. C. Vencio 57,00 **Finnlando**: R. Pyhälä 84,00 **Germanio** C. Altrogge 35,79 **Hispanio**: J. Raposo Montero 15,00 **Italio:** R. Corsetti 20,00 **Nederlando**: C. Bossong-Singer 45,38 **Svedio**: A. Bergh 128,75; J. Hammarberg 23,02 **Usono**: K. Freeman 48,89; **Venezuelo**: J. E. Bachrich 101,59; Venezuela E-Asocio 32,51 *(laŭ Oficiala Informilo de UEA)*. Koran dankon al donacintoj! La donacoj al tiu Fondaĵo subtenas la diversajn agadojn de Amerika Agado: forsendado de lerno- kaj lego-materialo al nepagipovaj landoj, partoprenigo de aktivuloj en E-aranĝoj, intensigo de informfluo inter amerikaj landoj k.s.

Donacojn oni povas sendi al landa kotizperanto aŭ rekte al *Centra Oficejo de UEA Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.* La manierojn transpagi vi trovos en paĝo 37 de *Jarlibro 1999*. Ne forgesu klare indiki, ke via donaco celas FONDAĴON AMERIKON. Antaŭdankon!

## EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'

**Argentino**

Kadre de Nacia Teknologia Universitato, Regiona Fakultato Rosario, d-ro Helmar G. Frank (Germanio) prelegis en Esperanto kun samtempa traduko al la hispana fare de Alicia Toffi. La tuta programo konsisitis el dudekhora kurso pri klerigkibernetiko kun partopreno de 50 universitataj docentoj plurfakaj, kun prelego al diversnivelaj docentoj pri la klerigsistemo en Germanio. D-ro Frank estis intervjuita de ĵurnalo kaj loka radiostacio.

**Brazilo**

La 36-an Brazilan Kongreson (en Petrópolis, 12-16/Jul) partoprenos Martha Alonso Gutiérrez, estraranino de Kuba E-Asocio. Ŝin invitos al posta prelegvojaĝo diversaj brazilaj kluboj.

La eldonantoj de Notícias Interessantes do Esperanto (Goiás) kaj Revista Esperanto Mania (S. Paulo) decidis unuiĝi por krei virtualan magazinon en Internet. La redakcian konsilantaron konsistigos esperantistoj el la tuta lando, aktivaj en la reto.

**Kolombio**

Fondiĝis Junulara E-Asocio en Kolombio (ABEJA), kies paĝaro estas vizitebla ĉe http://abeja.go.to. De la 5-a ĝis la 7-a/Aŭgusto okazos en Bogoto la Unua Kolombia Junulara E-Kongreso.

**Kubo**

Nia Amerika Komisionano Juan Ramón Rodríguez denove aperis kiel gasto de la populara, tagmeza televidprogramo "TeVeré". I.a. la temo estis lia prelego kaj reprezentiĝo de KEA dum la 10-a Int. Konferenco pri Lingvistiko kaj Literaturo, en Santiago de Kubo.

**Meksiko**

Postkongreso de la 5-a TAKE okazos en Oaxaca (25-28/aprilo 2001). Aurora Garcia (5 de Mayo 106 - Col. Surcos Largos - Ampl. 5 Señores - C.P. 68131 - Oaxaca, Oax.) organizos ekspozicion pri esperantaj poŝtmarkoj, stampoj, poŝtkartoj kaj aliaj filatelaĵoj en la Filatela Muzeo de Oaxaca (http://www.mufi.org.mx/lonuevo.html). Filatelistoj estas invitataj prezenti siajn eksponaĵojn aŭ sendi materialon. Oni atendas ankaŭ salutkartojn por montri la internaciecon de Esperanto.

**Urugvajo**

D-rino Sandra Burgues Roca, el Montevideo, per foto "Konstruante novan homon", gajnis la unuan premion de foto-konkurso en Rusio. Organizita de La Ondo de Esperanto kaj Urala E-Societo, ĝin partoprenis fotoj faritaj de e-istoj el 11 landoj.

**Usono**

San Francisko-Ŝtata Universitato aŭspicios inter la 26-a de Junio kaj la 14-a de Julio la tradician Nord-Amerikan Someran Esperanto-Kursaron (NASK). En la instrua teamo estos prof-o Grant Goodall, Spomenka Stimec (Kroatio) kaj Dennis Keeffe. Reza Kheir-khah (Japanio/Irano) estos helpinstruisto.

*(kompilita laŭ informoj de la respektivaj landaj komisionanoj)*

EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND' EN LAND'


**AktivAmeriko**

*novajletero de UEA-Komisiono por Ameriko aperas dufoje en la jaro (Jun kaj Dec)*



**Redaktanto**
*James Rezende Piton*
✉ Av. João Batista M. do Canto, 257/J2
Campinas (SP) , BR-13031-210, Brazilo
☎ kaj 🖷 +55 (19) 272 5212
*james.piton@iname.com*


**KOMISIONO**

**UEA-Komisiito por Ameriko**
Atilio ORELLANA ROJAS
✉ Riouwstraat 172, NL-2585 HW
Den Haag, Nederlando
☎ +31 (70) 355 6677
🖷 +31 (70) 358 4422
*iei001@worldonline.nl*

**UEA-estrarano (*Landa Agado*)**
Renato CORSETTI (Palestrina, IT)
**Argentino**
Rubén DIACONU TKACHENCO (S.Peña)
**Brazilo**
James REZENDE PITON (Campinas)
**Kanado**
Suzanne CARON-RICHER (Ottawa)
**Kostariko**
Hugo MORA POLTRONIERI (San José)
**Kubo**
Juan Ramón RODRIGUEZ (La Habana)
**Meksiko**
Leonora TORRES y TORRES (México)
**Urugvajo**
Eduardo TRAPANI (Montevideo)
**Usono**
Bill MAXEY (Powhatan)
**Venezuelo**
Juan Eduardo BACHRICH (Caracas)

UEA-Komisiono por Ameriko

Estas necese sendi legomaterialon al kelkaj landoj de Meza Ameriko. Se en viaj bibliotekoj aŭ en la biblioteko de viaj kluboj troviĝas duoblaĵoj, bv. informi la Komisiiton pri la titoloj. Li indikos kion sendi kien, kaj *Fonda¼o Ameriko* kovros viajn sendokostojn.